III Jaro. ★ XXV Num.

★ Januaro.—1919 ★

★ ★ MADRIDO ★ ★




ILUSTRITA REVUO MONATA

Oficiala Organo :-: :-: :-:
:-: :-: :-: de "Zamenhofa
kaj Andaluzia Federacioj,,



S-RO FELIX DIAZ

Profesoro ĉe Komerca Universitato kaj Prezidanto de la Grupo Esperantista de Bilbao

# Al MIA PATROLANDO

*(Kantebla laŭ germana melodio: Fern im Süd das schöne Spanien)*

Proksimiĝas la vespero
Malaperis jam la sun'
Kaj la horoj de mistero
Komenciĝas por mi nun.

En arbaro najtingalo
Kantas ĝoje, sed ĝi min
Malgajigas kiel palo
De la amata virin'

Mi rigardas firmamenton
De la tre riĉa kastel'
Kie loĝas; mia sento
Ne ĉi tie estas cel'.

Hispanujo, ĉarma lando,
De vi vivas mi nun for,
Por vi estas mia kanto,
Mia granda hejmdolor'.

Mi en mondo tie venis,
Tie kara famili',
Min patrino tie benis,
De ŝi lernis: estas Di'.

Okulumis ŝi revante
Min tre ofte en lulil',
Kaj de ĝi min eklevante
Kisis min dum fojoj mil.

Dolĉan lakton en la brusto
Ĉiam havis la patrin',
Iam min dormigis gusto...
Kaj mi suĉis ĝis la fin',

Nun la mondon mi trakuras,
Kaj mi ĉie en solec',
Kio ĉirkaŭ mi murmuras
Estas sent' el fremda spec'

Harmonian, karan vorton,
Aŭdu en lasta moment',
En patrujo trovu morton,
Kie estas mia gent'.

(Verkita dum mia restado
en Hungarlando)
*Felikso Díez*

# Herbert F. Höveler

Kun tre granda bedaŭro ni devas sciigi al la legantoj la morton de eble la plej grava kaj sukcesa propagandisto de nia lingvo—la ĉie en la mondo konata, E. Ĉefeĉ—sinjoro H. E. Höveler. Jam de kelka tempo li grave malsanis pro ia pulma malfacilaĵo kaj, ŝajne resaniĝinte, li iom subite mortis 1an de Septembro pro pulma gangreno.

Naskita en la jaro 1859 en Germanujo li kiel junulo venis Anglujon kaj antaŭ multaj jaroj fariĝis brita regnano. Profesie li estis industria ĥemiisto kaj metalurgiisto. Li elpensis specialan aparaton por bruligi aeron, gason kaj oleon, kaj tiel krei grandan varmegon por disigi metalojn diversajn el rubaĵoj. Li fondis la Tandem Smelting Syndicate por tiu celo kaj la fabrikado de «Tandem» Anti-friction (Glitiga) Metalo, kies fandejon li konstruigis en Merton Abbey, apud Londono. En sia juneco li multe suferis pro astmo; kontraŭ ĝi elpensis tiun faman kuracilon, kiun li nomis «Vixol», per kiu li ne nur sanigis sin mem sed ankaŭ sukcese kuracis milojn da suferantoj ĉie en la mondo. Kiam en la jaro 1904 li tute hazarde ekkonatiĝis kun Esperanto, dank' al ekzemplero de *The Esperantist* montrata en butika fenestro, li tuj ekkomprenis ĝian utilecon por komerco tia, kia estis lia. Li komencis lerni la lingvon, kaj post kelkaj semajnoj de ties severa kritikado forte entuziasmiĝis pri ĝi. Baldaŭ li deziris propagandi ĝin, precipe laŭ la praktika komerca vidpunkto. Ŝajnis al li ke tion oni povos plej facile fari per la reenkonduko de la malgranda lernolibreto aŭ foliego ĉiulingva antaŭe eldonita de Zamenhof. El tiu ideo venis la ĉie konataj *Ŝlosiloj* de E. Ĉefeĉ (H. F. H. angle elparolataj). La unua, por la angla lingvo, aperis en la aŭtuno de 1905. Estis la privilegio de la nuna verkanto tiam ekamikiĝi kun li dum ĝia kuna preparado. Rapide sekvis similaj *Ŝlosiloj* por multaj aliaj lingvoj, ĝis en 1912 ekzistis 18. La plimulton de tiuj li kompilis per la helpo de diverslingvaj amikoj kaj eldonis preskaŭ tute je sia propra kalkulo.

Ankaŭ dum kelkaj jaroj li prenis sur sin la tutan laboron kaj koston de ilia dissendado kaj tiun de la «Tutoj» (pligrandigita eldono de la Ŝlosilo). Eĉ kiam, pro multa alia laboro, li devis forlasi la personan kondukon de tiu afero li restis finance responda por ĝi per la *Internacio Propagandejo Esperantista* (I. P. E.), kiun en 1907 li starigis en Merton Abbey, S. W., poste en 1910 ĉe 135, High Holborn, London. Por faciligi la pagon de internaciaj kontoj per Ŝlosiloj kaj aliaj ĉiuspecaj esperantaĵoj, li elpensis la sistemon de *transpagiloj*, kiun li funkciigis per la de li fondita *Ĉekbanko Esperantista*. Tiu institucio, per helpo de la Internacia Monsistemo de D-ro Réné de Saussure, baldaŭ montriĝis (kaj ankoraŭ montriĝas) treege utila al la tuta Esperantistaro.

La unua pnblika laboro de S-ro Höveler por Esperanto estis en la fondo de Esperantista Klubo en West Norwood, en la vintro de 1905-6. La anaron por ĝi li kaj lia amiko kaj samkvartalano, S-ro James Blaikie, M. A. kunvenigis per literatura konkurso kun monpremioj en la loka gazetaro. Tiu bone sukcesis; S-ro Höveler, kvankam tre multafera homo, ĉiam estis preta ludi sian rolon tie, ĉu kiel instruisto, ĉu kiel korektisto de tradukaĵoj kaj ekzercoj.

S-ro Höveler havis profundan admiron al la verkoj de Fritz Reuter, kiu same kiel li estis indiĝeno de Nord-orienta Germanujo. Ne miru do, ke lia unua literaturaĵo en Esperanto estis traduko el liaj humoraĵoj, la bele ilustrita verketo *Kio povas okaze, se oni donacas surprize;* super tiu li malŝparis multe da ama zorgo, laboro kaj mono.—Aliaj literaturaĵoj liaj estas: *Tutmonda Anekdotaro* (angla parto), broŝuro pri *La Elparolado de Esperanto* kaj multaj artikoloj en diverslandaj gazetoj kaj revuoj.

En la unuaj jaroj de sia Esperanta vivo li multe vojaĝis kaj ĉie, kien li iris, estis energia propagandisto; grupoj fonditaj pere aŭ senpere de li troviĝas en Funchal (Madeira), Sicilio, Napoleso, Jeruzalemo, k. t. p. Li ĉeestis, ofte kun sia edzino, multajn el la Internaciaj Kongresoj, sed tre modesta homo, ne prenis tie aktivan parton en ili.

Ano de la Lingva Komitato jam de la jaro 1908, li fariĝis Akademiano en 1912, kaj dediĉis multe da tempo kaj laboro al ĝiaj diskutoj.

Ĉiam S-ro Höveler estis malavarega subtenanto de la Esperanta afero en ĉiu parto de la mondo. En Britujo li estis unu el la plej grandaj garantiuloj al la kapilalo de la Brita Esperantista Asocio kaj kelkajn jarojn unu el ĝiaj vic-prezidantoj.

Ĝuj Esperantistoj, kiu ajn estas ilia nacio, nepre unuiĝos kun ni kaj sendos al la respektata edzino de nia mortinta amiko koregan esprimon de sincera kondolenco en la granda perdo, kiun ŝi kaj ili ĵus suferis.—E. A. M.

*El «The British Esperantist»*

La hispana esperantistaro profunde sentas la gravan perdon, kaj tutkoran kondolencon sendas al la vidvino de S-ro H. F. Höveler (E. Ĉefeĉ), «Ĉefeĉ» estis vera bonfaranto de la Homaro: ni imitu lin laŭpove!

---

# El kantoj de Kubo

*Al F-ino. M G. G.*

Por aŭskulti voĉon mian,
El ĉie venis kantantoj,
Kiujn mirigis de l' kanto
La beltono harmonia.
«Ĉu kantas anĝelo ia?
La kantmanieron scii
Ni devos, kaj eĉ envii
Belecon de lia voĉo
Kaj de la kanto la dolĉon!»
Ĉiuj kantistoj ekkriis.



Esperu ke, de l' mateno,
La nebulo tute falos
Sur la fruktodona valo,
Kiel de l' Dio la beno.
Arbojn vidi ni ne penos
Starantajn sur la montoj.

Tiam la bela *sinsonto*
Konstante tra ĉie trilos,
Kaj ankaŭ la suno brilos
Lumigante horizontojn.



# Al la Tutmonda Esperantistaro

La Esperante verkita alvoko, kiun alsendis la Interligo al la tutmondaj Esperantistoj, por Certigi Pacon elvokas korajn respondojn. Ĉe la centra oficejo de la Interligo, New York, oni estas ricevinta leterojn de Esperantistoj en la franca kaj belga armeoj, de civiluloj en Francujo kaj en Granda Britujo, kaj de Esperantistoj en Usono.

Ĉiuj el ili aprobas la penson esprimitan de William H. Taft, la prezidanto de la Interligo por Certigi Pacon, ke tio ĉi estas milito en kiu la malamikoj de Germanujo forĵetis la glavingon, kaj batalos ĝis vera paco estos certigita.

Estis klare ke la senditaĵo en la tutmonda lingvo multon signifis al tiuj Esperantistoj kiuj dum monatoj aŭ eĉ jaroj bataladis kontraŭ la ĉefmalamiko de la paco, super kies kapoj tagon kaj nokton la morto kriegadis, kies okuloj malheliĝis pro ĉiutage renovitaj teruroj. Tiuj Esperantaj soldatoj meditis dum ili batalis. Kio devus esti la fino? Ĉu ambaŭ kontraŭstaruloj devus batali ĝis la preskaŭ mortiga lacego, kaj tiam ripozi nur ĝis unu aŭ la alia reakirus la forton?

Ne tiel opiniis tiuj ĉi viroj. Ne pro tio ili bataladis; ne pro tio ili estis pretaj fordoni sian vivon. La kontraŭbatalantaj nacioj devas iel interproksimiĝi; ili devas popolamase iel interkompreniĝi. Nur tiam povus veni la vera paco.

Sed la bataloj daŭris de tago al tago, fariĝante eĉ pli furiozaj; kaj de monato al monato ili trovis novajn pruvojn de la diableco de siaj malamikoj. Dum la milito daŭris, la ebleco atingi interkonsenton aŭ trovi bazon por reziproka fido verŝajne malpliiĝis. Tiam venis la senditaĵo de la Interligo por Certigi Pacon, voko de espero kun noto de aŭtoritato.

«Sciiĝinte antaŭ nelonge pri la Interligo por Certigi Pacon», skribas franca Esperantisto en sia nacia armeo, «ĉar mi antaŭ nelonge eksciis pri la «Interligo por Certigi Pacon», mi plej plezure uzas ĉi tiun okazon por diri al vi mian ĝojon, ke fine en la mondo ĉiuflanke naskiĝas movoj por certigi la plej altvaloran bonaĵon por la homaro: *la pacon*.

»Nuna en Eŭropo okazanta abomenaĵo indignigas eĉ plej funde kvietajn homojn, kaj ĉiuj havas tiun laŭte krianta vorton: *neniam plu ekzistu tia abomeno!* Kiel okazas ĉiufoje, kiam iu demando estas solvinda, prezentiĝas pli malpli da solvoj, jen raciaj, jen neraciaj, jen eĉ malraciaj.

»Rilate la krispigan demandon pri starigo de certedaŭrada paco, estos verŝajne same: multaj estos la proponoj estu facilaplikeblaj kaj precipe celtrafaj; t. e., ke ili por ĉiam forigu el nia nuna premigita planedo la monstron: milito.

»El la solvoj de nun aperantaj kiel pacigiloj, mi opinias, ke alpreno de komuna lingvo estus por ĉiuj civilizitaj popoloj rimedo ŝajnanta al mi nepre trafa.

»Ja, kiel la homoj sin tiel sovaĝe interbuĉadas? *Antaŭ ĉio* pro tio, ke ili ne sin interkomprenas. Tiuj homoj provizore, momente vestitaj je vestoj de krimuloj, eble sentas samgrandan malamon al la milito kaj egale samgrade ŝategas pacon sed... ili ne povas interŝanĝi sian penso pri tiu sama tiel grava demando, kaj pro tio sin intermortigas!

»Pri la taŭgeco de komuna lingvo por certigi pacon, la franca historio liveras al ni nerifuteblan kaj plej atendindan pruvon.

»Ĝis la «Revolucia Epoko», tio estas ĝis jaro 1789a. Franclando estis dividita en 32 provincoj kies enloĝantoj parolis apartan lingvaĵon. Estis do tiam en mia patrolando ĉirkaŭ tridek parolataj lingvaĵoj. Senĉese tiuj provincoj militis unu kontraŭ alian. La Revolucio, krom tio, ke ĝis partigis Fran-

clandon en proksimune grandaj departmentoj, *unuigis la lingvon* de ĉiuj departmentoj, trudante ĉie la lernon de oficiala franca lingvo.

»De tiu epoko oni neniam vidis unu departmenton militi kontraŭ najbara departmento! La rilatoj, kiuj inter la provincanoj estis malfacilaj pro malsameco de la lingvoj, iom post iom intensiĝis pro la facilinterkomprenebleco kaj pro tio—precipe pro tio—ke ĉiuj francoj sin pli bone konis; ĉar ilis povis tiam kunparoli kune, ili komencis interfratiĝi.

»Sekve, ĉar nia planedo estas grandega nacio dividita en grandaj provincoj parolantaj apartan lingvon, tial enloĝantoj de tiuj provincoj ne povas interrilati inter si, kaj tio naskas eblecon de milito. Oni alprenu komunan lingvon, kaj per ĝi la homoj interrilatos kaj interkonatiĝos; kaj tiam, ĉar la plej grava militkaŭzo estos neniigita, ekregos la paco, benata kaj tiel bonfaranta por la homara bonaĵo.»

El la leteroj kiujn la Interligo ricevis, ŝajnas ke la francaj, spite de la longa uzado de sia lingvo kiel la diplomata lingvo, estas preskaŭ la unuaj kiuj klare vidas la utilojn de tutmonda lingvo, kaj ke ili plej rapide komprenas ke la Interligo por Certigi Pacon kaj la Esperantistoj marŝadas flankon ĉe flanko al la sama celo.

«Via interligo estas prava», skribas alia franca esperanta soldato, «kvankam la koro premiĝas skribi tiajn vortojn, Jes, estas terure konsili la militon, la plej abomenan kiel eble militon, la militon kiu kaptis la tutan terglobon, militon kiun oni faras per ĉiuj la plej malbonaj rimedoj.

»Sed, dank' al vi, ni certe sukcesos; kaj la popoloj, interkompreniĝante, povos realigi la veran, daŭran, internacian Pacon antaŭviditan de nia Majstro Zamenhof.»

Ankoraŭ alia franca Esperantisto en la vicoj de la franca armeo estis meditinta dum la pafado pri la valoro de Esperanto por propagando; kaj la ricevo de la senditaĵo de la Interligo por Certigi Pacon «duoble batigis» lian koron, subite sciiĝante ke aliaj sammaniere pensadis.

«Permesu la modestan francan soldaton kiu mi estas», li skribas, «sendi al vi miajn korajn gratulojn por la bonega ideo kiun vi havas, presigante tiun skribaĵon en Esperanto; ĝi duoble batigas mian koron, ĉar mi tre ofte demandis min, kiam do oni fine komprenos la utilecon de Esperanto kiel propagandilo en tiu ĉi milito, kaj ankaŭ ke neniu societo de la nacioj ekzistos praktike ĝis kiam oni akceptos Esperanton kiel helpan lingvon.

»Al la personoj kiuj dubas pri la utileco de internacia lingvo, mi nur diras, ili venu Francujon; ili vidos la malhelpaĵojn kiujn ni konstante havas kun niaj kunliganaj fratoj; kaj ili komprenos ke krom facila lingvo kiel Esperanto neniu lingvo, eĉ la angla, esperoble sukcesos.»

Tamen, la Esperantistoj ne nur havis kiel motivon la egoistan kaj eble senkonscian esperon ke la Interligo de Nacioj alkondukos la tutmondan lingvon. Ili funde komprenis la verdirojn angle esprimitajn de S-ro Taft, kaj al si esperante proponitajn; kaj ili atingis la samajn konvinkojn kiuj instigis la Interligon anonci per sia prezidanto ke ĝi forĵetis la glavingon dum tiu ĉi batalo por la paco.

«Vere via presaĵo donas voĉon al mia sento», skribas C. D. Gibson, angla Esperantisto. «Ni devas batali, batali, batali, kaj ĉiam batali kontraŭ la germana nacio, ĝis la spirito de paco supervenkos la spiriton de malpaco... Kiam oni pensas pri la kruelaj agoj de la tiel nomataj kulturistoj, oni miras kio okazos al la popolo de l' tuta mondo, se la propagandistoj de l' germana kulturo sukcesos.»

Le Cornec, pariza Esperantisto, skribas: «Ĵus leginte vian alvokon al la *Esperantistoj de la mondo*, mi rapidas sendi al vi mian aliĝon tutkoran al via tiel interesa movado.

»Miaj kapabloj, kvankam malfortaj, estas de nun je via tuta dispono.

»Tutkore kaj sindoneme kun vi, por la pli granda bono de l' homaro.»

Hugues Gauthey, alia pariza Esperantisto, skribas ke li kortuŝe legis la senditaĵon al Esperantistoj; ke la idealoj esprimitaj de S-ro. Taft estas ankaŭ la liaj, bele kaj sincere elparolitaj; kaj ke li atendas plian informon pri la Interligo por Certigi Pacon, por ke li povu fariĝi fervora propagandisto por ĝi. Kiei la aliaj kiuj skribis respondante al la alvoko, S-ro. Gauthey kredas ke la akcepto de internacia lingvo firmigus la fundamenton de paco, kaj faciligus la laboron de la Intesligo por Certigi Pacon.

Per la tradukado en Esperanton de la parolado de S-ro. Taft la Interligo por Certigi Pacon ekkaptis batalilon kiun Germanujo mem penis uzi pli frue dum la milito. Inter aliaj lingvoj ili elektis Esperanton kiel propagandilon; kaj ili penis per la uzado de la lingvo gajni la favoron de la Esperantistaro por la germana afero.

La provoj malsukcesis; kaj oni forlasis la penon. Oni diras ke unu el la motivoj pro kiuj la germanoj ĉesis uzi Esperanton estis ilia deziro starigi la germanan lingvon kiel tutmondan lingvon, pro kio ili opiniis ke kiam ili helpis la uzadon de Esperanto, eĉ por meti germanajn argumentojn kaj asertojn en la manojn de Esperantistoj, ili subtenis danĝeran konkuranton al la germana lingvo.

La malgrava impreso de la germana provo vidiĝas el la respondoj ricevitaj de la Interligo por Certigi Pacon post la sendo de sia alvoko al la Esperantistaro. La supre presitaj estas nur specimenoj. Leteroj ĉiutage alvenas ĉe la centra oficejo de la Interligo, parolante pri la plia progreso de la ĉie dis-vastigita armeo da broŝuroj, kiujn ĝi elsendis vestitan en la uniformo de Esperanto, kaj pri la intereso vekita de tiuj ĉi antaŭkurieroj de justa paco en malproksimaj regionoj de la mondo.

LEAGUE TO ENFORCE PEACE
(Interligo por Certigi Pacon)
130 West 42nd Street,
New York, Usono
Allan P. Ames, Sekretario
Komitato pri Informado.

# Al la estraroj de la naciaj Esperantistaj societoj

Post kvar jaroj de terura mondmilito la politikaj cirkonstancoj rajtigas nin nun esperi, ke dum 1919 estos konkludata la paco. Kio ĝi estos, kaj kiaj sekvoj naciaj, sociaj kaj ekonomiaj elkreskos el la nova mondarango, tion neniu klare antaŭvidas. Tamen estas certe, ke por la ŝtatoj kiel por la privataj entreprenoj multo dependos de ilia lerteco, ĝustatempe rekoni la plej urĝajn bezonojn, trovi la taŭgajn rimedojn kaj saĝe kunligi la novajn vivkondiĉojn al la antaŭaj.

La Esperantistaro atendas de la paco gravan plifortigon de la movado. Multaj, bedaŭrinde ne ĉiuj samideanoj revenos, malaperos almenaŭ parto de la zorgoj kaŭzitaj de la milito, kaj leviĝos la baroj ĉiuspecaj, kiuj tiel malfaciligis kunveni kaj korespondi. De tiuj cirkonstancoj ankaŭ nia Asocio profitos, sed ĝi estas en speciala situacio, kaj pro tio ĝi petas vian konsilon.

La celo de Universala Esperanto-Asocio estas plifaciligi la rilatojn inter la homoj, per la Zamenhofa helplingvo, kaj kreskigi inter ili ligilon de solidareco. Kiel ni jam skribis en *Esperanto*, ni estas fieraj pri tiu principo de paca kunlaboro de diverslandaj bonvoluloj kaj ne foriros de ĝi. En la praktiko nia Centra Oficejo sin adaptas al la cirkonstancoj, kaj ankaŭ post la milito ne ĝeneraligos aferojn, kiujn pro naciaj kaŭzoj oni pritraktos pli bone kun la anoj de ĉiu ŝtato, laŭ iliaj intencoj. Dum la milito ni sukcesis regule eldonigi nian oficialan organon kaj restis en rilatoj kun samideanoj el la plej diversaj landoj. Kiom da malfacilaĵoj devis esti venkataj, kiom el zorge ŝparita mono estis oferata, pri tio ni eble raportos pli poste. Por la momento sufiĉu la fakto, ke malsimile al preskaŭ ĉiuj aliaj internaciaj oficejoj, la nia eltenis la kvarjaran elproviĝon. Obstine kaj sukcese defendinte la konstantecon de la internacia Esperantismo, UEA rajtas esperi, ke ĝi

gajnis la konfidon de la samideanoj kaj dank' al ĝi taŭgos kiel bazo por rekonstrui la komunajn aranĝojn.

Kvankam programo por postmilitaj laboroj ne povas esti jam detale fiksata, ni deziras nun preni kontakton kun vi, la naciaj societoj, por ke la komuna laboro estu sagace organizata laŭ la princioo de minimuma forto por maksimuna efiko. La tasko rekonkeri la mondon al la Zamenhofaj ideoj estas tiel granda, la perdoj de membroj kaj rimedoj estas tiel senteblaj, ke kunigo de la klopodoj fariĝis necesa. Nedube estas, ke ankaŭ dum la antaŭa pactempo ni estus pli bone progresintaj sen diversaj malpraktikaj aŭ nenecesaj aranĝoj kun la longaj disputoj pri ili.

Kiel unuan taskon de nia Centra Oficejo ni konsideras varbi Delegitojn en ĉiuj gravaj lokoj; per ili ni klopodos reveki la intereson por la internacieco de la movado, kaj, se la cirkonstancoj permesos, ni eldonos jarlibron por 1920. Rilate al la servoj estos studata la delikata problemo, kiujn servojn oni rajtos postuli de la Delegitoj, kaj en kia amplekso. Nesaĝe ja estus fermi la okulojn antaŭ la bedaŭrinda fakto, ke la teruraj okazintaĵoj grave influos la antaŭan servemon. Estos la rolo de UEA prudente kunligi la rilatojn, helpante tie kie bezono montriĝas kaj sin detenante de eksperimentoj trofruaj.

Ni ankaŭ atentigas al la decidoj de la dekunua Universala Kongreso, kiu petis UEA: «Kunvoki post la milito la dek-duan kongreson en neŭtrala lando»—kaj: «Sendi al ĉiuj konataj societoj de Esperantistoj informpetojn pri la stato de la movado en iliaj lokoj, kun la celo, pli faciligi per tiuj kolektitaj informoj la restarigon de amikaj rilatoj post la milito.» Interŝanĝo de opinioj pri tiuj petoj akceptitaj de la Komitato de UEA estos utila, kvankam ilia efektiviĝo ne estos ebla antaŭ kelka tempo. Dependos de la cirkonstancoj, ĉu tiu kongreso, aŭ pli verŝajne laborkunveno, povos okazi dum 1920; ĉu unu tute internacia kongreso estos tiam organizebla aŭ ĉu estos pli prudente pritraktigi la samajn traktotaĵojn en du sinsekvaj partaj kongresoj. Koncerne la duan supre cititan dezir esprimon niatentigas, ke ni sendis al la naciaj societoj informpetojn pri la stato de la movado jam dum vintro 1916 kaj publikigis la rezultatojn en la jara raporto 1917. Al ĉiuj grupoj ni denove skribos post la rehejmigo de la soldatoj, kiam refunkcios la normala vivado.

Krom tio multaj aferoj estus entreprenindaj; ni citu nur: la plivastigo de la Jarlibro de UEA per informoj ĝenerale utilaj; la organizo de lingvaj laboroj, kiel teknikaj kaj komercaj vortaroj por la ĉiutaga vivo; faciligoj por aĉeti fremdlandajn esperantajn librojn; informoj pri komercaj demandoj; interrilatigo de komercaj entreprenoj; ĝenerala propagando per livero de statistika kaj kartmaterialo; ellaboro de propagandiloj ĝeneralaj aŭ laŭfakaj, internacie uzeblaj; aranĝo de komunaj klopodoj por diverslanda instruado de Esperanto al infanoj kaj junuloj, kiel preparo por la enkonduko de nia lingvo en la lernejojn k. t. p. Neutile estus nun provi entreprenojn, kiuj superas nian influon, kiel. ekz. la sugesto, ke la estonta packontrakto estu redaktata en Esperanto, aŭ ke ĉiuj ŝtataj dokumentoj estu Esperante tradukataj, k. t. p. Fine ni atentigas, ke niaj financaj rimedoj estas en inversa proporcio al nia laboremo. Tiel longe kiel la alrevata riĉa bonfaranto ne montriĝos, ni devos rifuzi ĉiujn proponojn ne efektivigeblajn per modestaj sumoj.

La ĉefa malfacilaĵo de starigota laborprogramo estas esplori la tendencojn plimalpli internaciemajn en la diversaj landoj, por ke ni povu ĝuste elekti la taskojn tuj post la milito entreprenindajn. Ni do petas; ke via Komitato bonvolu nin informi pri siaj opinioj, respondante al la jena demandaro:

*1. Laboroj de UEA*

*a) Servoj.* Kiuj el la servoj de UEA ŝajnas al vi la plej utilaj ĝis nun? (Informoj turismaj, komercaj, perado de leteroj, k. t. p.)

Kiuj el tiuj servoj ŝajnas al vi la plej urĝe restarigotaj post la milito?

Ĉu vi havas sugestojn pri tiuj servoj, speciale pri la komerca?

*b) Jarlibro.* Kiel la Jarlibro devus esti aranĝata por plej multe utili al ĉiuj Esperantistoj, speciale ankaŭ al la naciaj societoj?

Ĉu, se la nombro de niaj membroj ne suficus por senriske publikigi Jarlibron, ekz. por 1920, via societo estus preta sin interesi je ĝia eldonado?

2. *Internaciaj rilatoj*

*a)* Kion vi faris kaj kion vi konsilas fari por instigi la Esperantistojn al praktika internacia uzo de nia lingvo?

*b)* Kiel oni povus interesigi la Esperantistojn al internacia korespondado kaj al la legado de Esperantaj gazetoj kaj libroj?

*c)* Kiel la rilatoj inter UEA, la naciaj societoj kaj la aliaj Esperantistaj institucioj povus esti plej praktike aranĝataj, sen perdo de laboro kaj sen komplikaĵoj?

*d)* Ĉu vi deziras, ke novaj laboraj aŭ organizaj preparoj estu entreprenataj de aŭ per UEA? (Nome aferoj de ĝenerala utilo, prizorgotaj internacia kaj neŭtrala lando.)

3. *Ĝeneraĵoj*

*a)* Kiaj prilingvaj laboroj ŝajnas al vi plej urĝaj. kaj kiel vi konsilas plenumi ilin?

*b)* Kion vi proponas por favori la instruadon de Esperanto al junuloj kaj la laŭgrandan enkondukon de nia lingvo en la lernejojn? Kiaj estas, rilate al tio, la perspektivoj en via lando?

*c)* Pri kiuj flankoj (idea, pacema, pedagogia, komerca, k. t. p.) de Esperantismo oni post la milito povos plej bone interesigi la publikon al nia movado?

* * *

Ni estus tre dankaj, se ĉiu nacia societo bonvolus rekomendite sendi sian oficialan respondon, en Esperanta, aŭ se necese en angla, franca, germana aŭ itala lingvo, al la C. O. de UEA.

Detala raporto pri tiu enketo estos sendata al vi kaj publikigata en 1919.

Ni esperas, ke konsiderante la gravecon de baldaŭa repreno de la internaciaj rilatoj, vi bonvolos ĝustatempe respondi al nia demandaro. Dankante vin antaŭe, ni sendas al vi niajn samideanajn salutojn.

En la nomo de UEA:

La Direktoro: La Vicdirektoro:
H. HODLER ED. STETTLER

Ĝenevo 1 Novembro 1918.

**Universala Esperanto Asocio**

*10, Rue de la Bourse.—Genène*

(Svislando)

*Rimarkigo.*—Societoj, Grupoj eĉ interesuloj aparte sendu al ni opinion, ĉu koncernanta tutan demandaron ĉu parton, aŭ solan demandon, al la Redakcio de ĉi tiu revuo ĝis la fino de ĉi tiu monato.

# NEKROLOGIO

Nia estimata zamenhofano S-ro Mariano Solá, el *Tarrasa*, perdis sian amatan patrinon. Funebra manifestacio esperantista elmontris plenkoran-kondolencon.

S-ro Viñals, zamenhofano el *Barcelono*, ankaŭ perdis bofratinon, entuziasma esperantistino. Ni bedaŭras la perdon kaj kondolencas.

La gripa epidemio forrabis al Zamenhofa Federacio S-rojn Antonio Minguez (advokato) kaj José Fombellida (Poŝtoficisto), el *Baltanás* (Palencia). Ni perdis du fervorajn pionirojn.

Ni esprimas tutkoran kondolencon al familioj de la gemortintoj.



# Esperanto kaj parlamentanoj

Parlamentanoj eŭropaj kaj amerikaj interesiĝis pri Esperanto kaj efike entreprenis agadon por iompostioma oficialigo de nia kara lingvo internacia en siaj landoj; sed la eksplodo de la milito haltigetis tian propagandon, tian agadon.

En Francujo esperantista grupo el parlamentanoj stariĝis kaj ĝin prezidis S-ro Delaroue, samtempe urbestro de Melun. Ĉi tiu grupo celis oficialiĝi instruadon de Esperanto en la lernejoj de la Ŝtato.

La Parlamento el Saksujo estas unu el plej sukcesantaj, ĉar ĝia agado estis aktiva kaj fruktodona kaj el la esperantistaj parlamentanoj estas citinda D-ro Steche. La rezultato de la laboro farita estis, ke la ministro pri Kulto kaj Publika Instruado permesis instrui Esperanton en la unugradaj lernejoj kaj monhelpas iujn teknikajn, industriajn kaj komercajn lernejojn por ke en ili oni klarigu nian lingvon internacian.



PALACO DE «LAS DUEÑAS».—SEVILLA

La ministro pri Internaj Aferoj ankaŭ donas subvencion al Saksa Instituto Esperantista, kiu ankaŭ klarigas kursojn esperantajn kaj kiu tre bone helpas komercon kaj industrion el Saksujo per Esperanto. Ĉi tiu ministro nomis la Dekanon de la Akademio Teknika de Chemitz, D-ron Vicke, profesoro de Esperanto, kaj ordonis eldoni esperante artan ilustritan prospekton pri la Reĝa Fabriko Porcelana el Meissen.

Oddino Morgari, itala parlamentano, estas antikva kaj entuziasma esperantisto kiu ĉeestis en Svedujo la neŭtralan konferencon de Stokolmo (misio Ford), en kiu li povis konstati utilecon de Esperanto. Oni ŝuldas al li, ke la Sekretario de la konferenco, sinjoro Lochner estu decidinta eldoni esperante 5000 broŝurojn raportantajn celon de la konferenco kaj informantajn la decidojn prenitajn de ĝi· La Turina depuiato verkis broŝuron, titolita «La piu Internazionale delle Internazionali»; ĝiateksto konsistas el artikoloj aperintaj sur la ĵurnalo «Avanti!», pri Universala Esperanta movado.

Edison Lacerda, deputato en la Brazila Parlamento, estas aŭtoro de projekto enkondukanta oficialad instruadon de Esperanto en publikajn lernejojn de la Ŝtato Sergipe (Braziluio), kaj li bone sukcesis.

*El «ESPERANTO»*
Organo de la esperantista
centro «Nova Sento»
en *Bahia Blanca*

# ESPERANTA MOVADO

## AMERIKO

*Uruguay. Montevideo.*—Aktive laboradas ĉi tieaj samideanoj. Dum la nacia kongreso de la laboristaro, Oktobro-1918, la Socialistaj Centroj 14.ª kaj 20.ª fakoj proponis: «Fari la eblon por disvastigi Esperanton ĉe la tutmonda laboristaro celante ke la lingvo de la internaciaj kongresoj estu Esperanto.» La A. E. A. plibonigis la loĝejon.

## EŬROPO

### Hispanujo.

*Vendrell.*—Dum la VI.ª Kongreso de Esperanta-Provinco Tarragona Ligo, okazinta en Valls, oni elektis la jenan konsilantaron: Prezidanto, S-ro A. Julivert; Vicprezidanto, Prezidanto de la Grupo de Prades; Sekretario-Kasisto, S-ro J. Marcé; Konsuloj, Pastro J. M. Dalmau el Falset, F-ino María Julivert; Konsilantoj, S-roj P. Aguadé el Reus kaj J. Pamies el Argentera.

La nova komitato de la Grupo «Frateco» estas la jena: Prezidanto, S-ro S. Esvertit; Sekretariino, F-ino. Asunción Constanti; Kasisto, S-ro R. Bassa; Bibliotekistino, F-ino Herminia Romeu; Voĉdonantinoj, F-inoj María Julivert, Lola Ramón kaj Alberta Sanabre.

Sukcese oni malfermis novajn kursojn ĉe la Grupo.—*Guitart.*

*Tarrasa.*—S-ro S. Chaler malfermis kurson ĉe ĥora societo «Juventud Tarrasense; 25 lernantojn ĉeestas.

La Grupo «Lumon» solene festis la datrevenon de Esperanto per literatura festo kaj frata festeno. La ĉi tieaj lernantoj festis la revenon de la Paco, per lunĉo en kiu reg-is granda entuziasmo, ĉe la ĥora societo «Juventud Tarrasense», kaj ĉt tiu festo farîĝis propaganda. S-roj Garriga kaj Chaler entuziasmigis aŭskultantojn por daŭrigi la lernadon tial ke Esperanto kondukas homojn al vera frateco universala. En privata lernejo publika de S-ro Puig, baldaŭ oni malfermos kurson por infanoj, kaj ĝin klarigos S-ro Chaler.

*Sabadell.*—Unuvoĉe «Aplech» Esperanta Grupo (Mendizábal, 3) elektis la jenan komitaton por ĉi tiu jaro: Carlos Peig, Prezidanto; José Miquel, Vicprezidanto; Juan Comadrán, Sekretario; Jaime Micó; Vicsekretario; Elías Soler, Kasisto; José Peig, Vickasisto; Modesto Figuerola, Bibliotekisto; F-ino Carmen Font, Bibliotekistino.

Krom tre trafaj kaj alcelaj proponoj oni decidis konstatigi en la Protokolo tutkoran

bedaŭron pro la morto de samsocietaninoj Ĵust kaj Comas kaj esprimi al iliaj familioj tutkoran kondolencon.

Ankaŭ *aplechanoj* kore dankas siajn samsocietanojn, S-rojn Antonio Costa kaj Antonio Torner kiuj respektive desegnis portreton de la amata kaj neforgesebla Majstro, D-ro Zamenhof, kaj enkadrigis la desegnaĵon.

Regule oni klarigadas la kursojn, kiuj nedubeble plensukcesos kiel pasintaj.

*Barcelona.*—La 11.an de Novembro (1918) «Paco kaj Amo», malfermis kursojn senpagajn por ambaŭ seksoj sukcese. Gvidas la kursojn S-roj Jozefo Roig kaj Jozefo Rocafull.

Ĉe «Popola Enciklopedia Ateneo» okazis la 21.an de Novembro grava kunveno kunvokita de Kataluna Esperanta Federacio, kvankam la iniciatoro estis la malnova esperantisto D-ro Bremón, por reorganizi esperantan movadon, precipe en nia urbo. Ĉeestis S-roj: Ortega kaj Navas, el K. E. F.; Piñol delegito de U. E. A. kaj de Zamenhofa Federacio; Alsina, el Grupo «Paco kaj Amo»; Gili, el Grupo «Barcelona Stelo»; Salas, el Grupo «Laboreco kaj Kulturo», kaj reprezentantoj de «Ĉiam Antaŭen», de «Esperanta kantistetaro», de «Kataluna Espero» kaj «Semo», ankaŭ aliaj samideanoj private.

Ĉiuj varme kaj favore parolis pri nia sankta afero. Oni decis sendi al ĉiuj ministrestroj de la ĉefaj militintaj landoj kaj al Prezidanto de la Paca Konferenco, dokumenton petantan enkondukon de Esperanto.

*Jerez de la Frontera (Cádiz).*—En ĉi tiu urbo Esperanto tre bone sukcesas. La 15.an de Decembro oni fondis la «Grupon Esperantistan Jerezanon» kaj elektis komitaton jenan: Prezidanto, S-ro José Jiménez; Sekretario, S-ro Pedro Naranjo Terán; Kasisto, S-ro Pedro Naranjo Martínez; Bibliotekisto, S-ro Tomás Lafuente; Voĉdonantoj, sinjoroj Joaquín Díaz kaj Gabriel Pérez.

La jerezanoj salutas tutkore hispanajn kaj fremdajn esperantistojn kaj deziras korespondadon. Adreso: Strato Sol, 14 ĉefetaĝo. Vivu Esperanto! Ĉiam antrŭen!

*San Fernando (Cádiz).*—S-ro Jozefo Garzón Ruiz antikva, entuziasma kaj lerta esperantisto celas fondi esperantan grupon el ĉi tieaj esploristoj.

*Zaragoza.*—La Grupo «Frateco», la 15.an de la pasinta Decembro; elektis la jenan komitaton: Prezidanto, S-ro Eusebio Senra; Vicprezidanto; S-ro José Larruga; Sekretario, S-ro Emilio Artigas; Vicsekretariino, F-ino María Cruz Modrego; Kasisto, S-ro Manuel Benedicto; Vickasisto, S-ro José Benedicto; Voĉdonantoj, S-roj Manuel Delpón, Eloy Valero, Manuel Felipe, Antonio Lasheras.

Oni esperas, ke ĉi tiu komitato aktive eklaborados de nun, tial ke malfavora tempo por esperanta agado jam pasis; kaj ĝi certe sukcesos disvastigi nian karan lingvon en kaj ekster Zaragozo.

*Baracaldo (Bilbao).*—La ĉi tiea Grupo entuziasme laboradas tial ke denove la Paco regas la Mondon kaj rozkolora horizonto malfermiĝas por Esperanto. Oni elektis la jenan komitaton por gvidi la laboradon: S-ro Eugenio Lnnate, Prezdanto; S-ro Constantino García, Vicprezidanto; S-ro Andrés S. Pedro, Kasisto; S-ro Modesto Pérez, Sekretario; F-ino Asunción Sánchez kaj S-roj José Salazar kaj Epifanio Ozaita, Voĉdonantoj.

---

## AVERTO

Ni sendas la revuon al ĉiuj Zamenhofanoj kaj ni rimarkigas, ke de la Centra Poŝtoficejo deiras perfekte pretigitaj ĉiuj specimenoj; certe la ricevantaj poŝtoficejoj estas kaŭzo por perdo.

# KURIOZAĴOJ

### TROMPITAJ SIMIOJ

Antaŭ kelkaj jaroj alvenis granda simiaro ĉe la stacidometo de Sarán, en la Nordokcidenta Hindujo. Foje estis en la stacidomo vagonoj plenaj je greno, kaj la simioj manĝadis ĝin disŝiradinte la kanabtolajn kovrilojn de la vagonoj.

La fervojistoj devis senhalte batali kontraŭ tiu invado de la simioj kaj kontraŭ tiu ferrabo, sed malgraŭ ĉiuj antaŭzorgoj, la simioj iĝis pli kaj pli kuraĝemaj.

Fine gardisto elpensis spritan solvon: Dum kelkaj tagoj oni kovris la tegmentojn de la vagonoj per diversaj fruktoj. Tiamaniere oni altiris la tutan aron da simioj, kiuj, ĝenitaj de neniu, jam tute ne timis la fervojistojn.

Ią mateno, kiam plej avide la simioj manĝadis sur la vagonoj, la vagonaro subite ekmarŝis, la simioj ne kuraĝis forsalti kaj restis timigitaj, kaŭritaj sur la vagonoj kaptintaj unuj la aliajn por ne fali, ĝis kiam la vagonaro haltis meze de arbaro tre malproksima. Tuje la simioj sin ĵetis teren kaj forkuris en la arbaro. De tiam ili ne revenis al la stacidomo.



### MIRINDAJ EĤOJ

Eble plej mirinda eĥo estas tiu de la katedralo de Pisa. Se oni kantas du notojn ne estas eĥo. sed se oni kantas tri, la muroj de l' konstruaĵo ilin laŭtigas, longigas, variigas, igas el ili harmonion kiel tiu de bonega orgeno.

En Finnlando estas kaverno en kie, se oni elparolas voĉon oni aŭdas teruraj timigaj blekoj.

Senarbigado en Hudson malaperigis aŭdindan eĥon de arbaro. Antaŭ ol la senarbigo la eĥo ripetis la voĉon kvardek du fojojn.

Sendube plej eksterordinara natura eĥo estas apud lageto de Bavarujo.

Flanke de tie staras roktranĉaĵo alta je kelkcentoj da metroj. Ĉe la kontraŭa flanko estas densa arbaro. Kiam oni pafas en la lago, la arbaro produktas malfortan eĥon kiu mallaŭtiĝas grade, poste de la kontraŭ flanko oni aŭdas ĝin, kiu iom post iom laŭtiĝas ĝis kiam ĝi sonas sur la kapo de l' pafanto kvazaŭ surdiga tondro.



### MOSEO KAJ LA HIGIENO

La sanigaj leĝoj de Moseo egalas, foje eĉ superas, tiujn de la moderna higieno.

Kelkaj jaroj antaŭ ol la Kristana Ero, estis malpermesite al la hebreoj, loĝantaj en preskaŭ-tropika lando, manĝi porkaĵojn kaj moluskojn, kaj konsideris la lakton kiel kontaĝiilon de iaj malsanoj. La Talmudo por mortigi manĝeblajn bestojn instruas metodon kiun hodiaŭ oni konsideras kiel plej higiena.

Kvin mil jaroj antaŭ ol la bakteriologiaj eltrovoj de Koch, Moseo, jam montris kiel danĝera estas por la homo la besta tuberkulozo, sed li ne malpermesis manĝi kortajn birdojn. Autaŭ nelonge la scienculoj eltrovis ke la tubsrkulozo de tiuj birdoj ne estas danĝera por la homo.

Moseo rekomendis la izoligon de la kontaĝiantaj malsanuloj, kaj la enterigon de mortintoj for de la urboj; tiujn regulojn nur akceptis la kristanoj antaŭ unu aŭ du jarcentoj. Li ankaŭ ordonis fasti dum iaj epokoj ĉiujare, vivi sur la kamparo somere, t. e., kiam oni povas vivi ĉe la naturo.

Multaj leĝoj de Moseo estas por la sano de la korpo kaj de la animo.



# SPRITLUDOJ de NOVEJARQUE

## SOLVOJ

De la Intermezo

(ME DU ZO) MEDUZO

De la Hieroglifo

(VI-TRIO-LO) VITRIOLO

## AKROSTIKA VORTLUDO

**Jen Vortoj:**

KOLORA FLUIDAĴO
PASIGI TEMPON POR PLEZURO
MOVIĜANTA AKVO
BONDEZIRO
BULBA VEGETAĴO
SAMA VORTO
FERA VOJO
LA POEZIO

Al ĉiu supra vorto antaŭmetu literon, tiaj, ke tiam vi ricevos la jenajn aliajn vortojn:

ĤEMIA ELEMENTO
PAROLI PRI IU AŬ IO
LA TERO
SUPRAĴO TUŜANTA REKTAJN LINIOJN
AKREPINTA FIKSILO
GLACIIĜINTA AKVO
SENTA ORGANO
SANA STATO

Se vi metus la ĝustajn literojn, vi vidus kiel EMINENTAN NOMON esprimas akrostiko la antaŭmetitaj literoj!!!

La solvo en venonta numero.

# ANONCFAKO

Senpaga por la membroj de Zamenhofa Federacio kaj ĝiaj protektantoj

Infanoj lernantaj Esperanton deziras korespondadi pk. kun kamaradetoj samnaciaj kaj alilandaj. Adreso: Esperanta kurso por infanoj-Sd. Coral «Juventud Tarrasense».—*Tarrasa* (Hispanujo).

S-ro A. Tomás Iglesias el *Santander* (Hispanujo), strato Cervantes, 13, deziras interŝangi pk. kaj pm. Pri pm, li uzas katalogon Ivert & Tellier-1916.

La lernantoj de unugrada kurso esperanta ĉe «Aplec Esperanta Grupo» (Via Masague, 55. *Sabadell*. Hispanujo) akceptas korespondadi kun ekster-kaj enlandaj gesamideanoj per leteroj kaj ilustritaj poŝtkartoj.

F-inoj Paz kaj Luz Barbé, strato Marqués de Santa Ana, 45.—Madrid (España), deziras interkorespondadi per ilustritaj poŝtkartoj.

Jako Claramunt. Mariano Aguiló, 67, Barcelono (España). Deziras korespondadi kun ekstereŭropanoj kaj hispanoj. Nepre kaj tuj respondas.

S-ro Benigno Luna interŝanĝos ilustritajn poŝtkartojn kun fremduloj. Adreso: strato Luisa Fernanda, 18.—Madrid (Hispanujo).

S-ro Nestor Alvarez, strato Mendizábal, 56. Madrid (España), interkorespondados per ilustritaj poŝtkartoj.

Luis Rodríguez Escartín, strato Ilustración, 8.—Madrid, deziras korespondadi kun ĉiulandaj gesamideanoj.

Jesús Ramírez. Strato Cabestreros, 10 kaj 12.—Madrid (Hispanujo), interŝanĝas poŝtmarkojn.

S-ro José E. Pedraz el *Santander* (Hispanujo, strato Rua Menor, 32, deziras interŝanĝi pk., pm., esperantajn gazetojn kaj esperantaĵojn.

Svitberto J. Degenkamf. Betlehemweg, 36. Utrech (Golanda).—Interŝanĝas P. K. I. montrantajn nur preĝejojn, ankaŭ esperantajn gazetojn.



Tip. Pasaje del Comercio, 8.—Madrid